# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

33a jaro Majo - Junio 1981 N-ro 3






Fervojaj uniformoj el 16 landoj

# FISAIC-MEDALIGO

dum la 33-a IFEF-Kongreso

(parolado de la prezidanto Giessner)

Estimataj ĉeestantoj, karaj geamikoj,

En multaj IFEF-kongresoj manifestiĝis la rilatoj al la FISAIC en formo de medalo, per kiu meritplena IFEF-membro estas distingita. Ĉi-foje ni elektis interkonsente kun la kompetentaj instancoj de la FISAIC nian nederlandan amikon Labordus, kiu estas unu el la plej konataj kaj plej longe aktivaj IFEF-anoj.

Jacob Johannes Labordus esperantistiĝis antaŭ la milito kaj jam tiam estis aktiva en Nederlando. En 1946 li eksciis pri la fondo de Esperanto-rondo por fervojistoj kaj dungitaro de filinaj entreprenoj de la nederlandaj fervojoj. Li deĵoris ĉe la transportentrepreno van Gend en Loos. Laŭ peto de la amsterdamaj fondintoj li eniris la landan estraron. Pro grava malsano li devis interrompi sian aktivecon, sed en 1949 li estis elektita prezidanto de FERN, kiun taskon li seninterrompe plenumas ĝis hodiaŭ, tio estas 32 jarojn! Sed li estis ne nur prezidanto, sed dum tiu longa tempo reprezentis sian landon en niaj kongresoj kiel delegito resp. komitatano. Elstara dum ĉiuj diskutoj estis lia objektiveco kaj la amikeca klareco, per kiu li prezentis siajn argumentojn. Ne nur unu fojon li sukcesis trovi akcepteblan solvon en komitatkunsidoj. La fidon, kiun li ĝuas, montriĝis en la fakto, ke li estis elektita unua ĉefkomitatano en 1964.

Trifoje Labordus estis prezidanto de LKK, nome en 1953 (5a IFEF-kongreso) en 1966 (18a kongreso) kaj pasintjare en America.

Krome dum pli ol 2 jardekoj li agis en la terminara laboro. Kun kelkaj helpantoj li sukcesis prezenti la nederlandan "terminareton" en 1971.

Sed li aktiviĝis ankaŭ en la nederlanda FISAIC-sekcio BSSO, pro kio li en 1977 ricevis ties arĝentan insignon, maloftan honorigon.

Dum pli ol 30 jaroj Labordus estas aktiva motoro en sia nederlanda asocio, kaj lia influo dum tiu tempo ankaŭ sur la internacia nivelo de IFEF ne estas pretervidebla, pro kio en 1977 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Redaktoro:
Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F-78420 Carriéres/Seine.
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, Dk-9800 Hjørring.
Poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Tolne station, DK 9891 Tolne.

# PROTOKOLO

pri la plenkunsido estraro/komitato
en la 33a IFEF-kongreso en Regensburg (D)

Mallongigoj: K-o = komitato, k-ano = komitatano, l.a. = landa asocio, Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto.
Por landaj nomoj estas uzitaj la aŭtomobilkodoj.

Unua parto, 18.5.1981.

1. Malfermo

Pr bonvenigas la ĉeestantojn.

Laŭ mandatkonstato ĉeestas jenas k-anoj:

| | |
|---|---|
| Aŭstrio | Greta Gössl |
| | Leopold Patek |
| Belgio | Lucien de Sutter |
| Bulgario | Marin Marinov |
| Danlando | Gunnar Thuesen |
| Finnlando | Nils G Narvala |
| Francio | Pierre Robiolle |
| | Robert Coyac |
| Germanio | Joachim Schrapp |
| | Werner Lepke |
| | Gernot Ritterspach |
| | Willi Brandenburg |
| | Otto Rösemann |
| Hispanio | Ramon Gimenez |
| Hungario | Istvan Gulyás |
| | Janos Patay |
| Italio | Germano Gimelli |
| Jugoslavio | Jovan Mirković |
| Nederlando | Jaap Labordus |
| Norvegio | Per J Krogstie |
| Svedio | Evert Rausek |
| Svisio | Otto Walder |

Ĉeestas 22 voĉdonrajtaj k-anoj.

2. Ricevitaj telegramoj, leteroj

Sk laŭtlegas el telegramoj kaj salutleteroj. Salutis i a: De Jong (NL), d-ro Imre Pethes, MEM (H), CS-FEF, JELF, Pola IFEF-grupo, Bydgoszcz (PL), d-rino Marjorie Boulton, Barks (GB).

3. Diskonigo de gravaĵoj el la nepublika kunveno.

H = membro de FISAIC, kunsido estraro kun UEA-prezidanto, unua n-ro de "Bulgara Fervojisto", Lucien de Sutter (B) reelektita Ĉk.

4. Raportoj estraraj

4.1. de sekretario

Akceptita per 21 voĉoj (Gössl = for).

4.2. de redaktoro

Plendoj pri la ekstera aspekto de IF, kaj pri adresado de pakaĵoj. Diskuto pri la Libera Tribuno. Rd kaj Ks (kiu kunlaboras) klarigas.
Bacskai: Zorgu pri pli imponа IF, ĉar tio gravas ĉe turniĝoj al aŭtoritatuloj.

Rd zorgu pri taŭga enhavo, sed ni (la federacio) zorgu pri la tekniko.

Raporto akceptita per 22 voĉoj.

4.3. de kasisto

Ks klarigas kelkajn kontojn kaj deklaras, ke ekde nun IFEF ne plu akceptas bankkostojn, sed simple kontigos la ricevitajn sumojn. Rekomendinde estas uzi - se eble - la poŝtĉeksistemon anstataŭ bankojn!

Raporto akceptita per 22 voĉoj.

5. Protokolo America

Akceptita per 21 voĉoj. 1 sindeteno.

6. Raporto pri la komitata laboro

Ĉk elsendis cirkuleron, ĉeestis 1 estrarkunvenon, ne ricevis tagordon de dumkongresa kunveno de Terminara Komisiono.
Ritterspach: TK-tagordo troviĝas en TeKu (Terminara Kuriero), kiu aperas pli ofte ol IF.
Ĝi tamen nepre estu unuavice en IF.

7. Resumo pri raportoj landaj asocioj.

Vp voĉlegas la resumon kaj gratulas la l.a., ke raportis 18 el 19 l.a. (kvankam 6 nur post admono). Mankas nur de PL. La resumo aperas en IF. Interesaĵo estas, ke ekzistas pli ol 4000 fervojistoj-esperantistoj, sed IFEF havas nur iom pli ol 2200 membrojn!

Resumo akceptita per 22 voĉoj.

15. Venontaj kongresoj

15.1. Elekto de loko por 1982.

Laŭ decido de la k-o la punkto estas traktata nun.

Gulyás invitas la 34an IFEF-kongreson al Balatonfüred la-7a de majo 1982 en nova, moderna konstruaĵo, kaj voĉlegas salut- kaj invitleteron de Szoltan Sűcs, la ĝenerale direktoro de MÁV.

Priparolas favorprezon por po 1 junulo (ĝis 28jara) de ĉiu lando.

Invito akceptita per 22 voĉoj.

8. Raportoj de komisionoj resp komisiitoj

8.1. Terminara komisiono

Sekereŝ: Ni nun prezentas iom da rezultoj: tekon kun ĉiuj terminoj de la UIC-leksikono (12.000 terminoj). Interkongresa kunveno okazis en Linz (A) 20.-22. marto, kie findiskutiĝis 21 dubaj terminoj. Terminara Kuriero estas grava helpilo. La tradukláboro estos daŭrigata, kaj kontaktoj kun UIC esperigas, ke Esperanto-traduko aperos en la 4a eldono de LG.

La k-o konfirmis la reelekton de TK: Sekereŝ, gvidanto, Ritterspach (sekretario)

kaj Hartig (red TeKu) per 21 voĉoj. 1 sindeteno.

Labordus admiras la laboron precipe de Hartig.

8.2. Fakprelega Komisiono

Thuesen dankas al SF, S, N, D, NL, E, YU pro pozitiva akcepto de la ideo pri novaĵoj de diversaj landoj.

FK deziras administri la diverslokajn fakprelegojn.

La k-o konfirmis la reelekton de FK: G Thuesen (gvidanto) kaj Ritterspach (sekretario) per 21 voĉoj. 1 sindeteno.

Brandenburg akcentas la gravecon utiligi la fakprelegon, resume aŭ - pli bone - en tuto. Informas, ke fervojteknika revuo en aprilo 1981 aperigis artikolon pri la rapida linio en Italio, kiun temon ni traktis antaŭ 3 jaroj.

Ritterspach proponas kombini aktualaĵojn de diversaj landoj kun novaĵoj de la venonta kongreslando.

Pr: La novaĵoj/aktualaĵoj estu publikigataj post la kongreso. Ĉu spaco en IF? Ankaŭ estu sendataj al Informa Fako.

Mirkovic: Fotoj de la fakprelego estus bonaĵo kune kun la resumo por nacilingva aperigo.

8.3. Historio-komisiono

Giessner raportas, ke alvenis materialo de A, BG, CS, I. Mankas de F, E. Materialo de GB, B apenaŭ utiligebla. - Montriĝis ke inter la militoj kaj antaŭ la nuna estis sufiĉe vigla fervojista E-agado.

HK nun sekvas novan laborplanon. Petas pri koncizaj raportoj. La l.a. elektu el inter siaj funkciuloj tiujn, kiuj estu menciataj en la broŝuro.

Raporto akceptita per 22 voĉoj.

8.4. Koresponda servo

Demissy raportas pri malkresko en 1980, sed 1981 jam montras novan kreskon.

Raporto akceptita per 22 voĉoj.

8.5. Komitatano A de UEA

Gulyás informas pri la 65a UK en Stokholmo, kies temo estis "diskriminacio", kaj dum kiu UEA elektis novan estraron. Anstataŭ Gulyás d-ro Ferenczy voĉlegis raporton pri la 32a IFEF-kongreso en la fervojista fakkunveno, kaj la IFEF-sekretario prelegis. Gulyás mencias la ĝojigan fakton, ke multaj junuloj partoprenis la UK-on.

Raporto akceptita per 22 voĉoj.

Dua parto de la plenkunsido estraro/komitato, 2o.5.1981

Ĉeestis 22 voĉdonrajtaj k-anoj.

Ĝenerala direktoro de MÁV, Zoltan Sŭcs, estos protektanto de

la 34a IFEF-kongreso. Saluttelegramo estas sendata al li.

La k-o akceptas tion.

9. Laborplano - stato de plenumo

Propono Thuesen pri novaĵoj en la fakprelega sfero estas tre konstruktiva kaj eniros la laborplanon. Pro miskompreno ni ne publikigis la laborplanon en IF. Tio okazos.

10. Rilatoj al aliaj organizoj

10.1. UEA

Verŝajne Astrid Birkbak (DK) reprezentos IFEF-on en la 66a UK, Brazilio.

10.2. FISAIC

Nun H estas en FISAIC, do nia 34a aperos en ties aranĝkalendaro, kio gravas rilate bileteblecojn.
Ĝenerala kunveno de FISAIC okazos en Tours (F) septembro 1981.
FISAIC-flago nun ekzistas (flirtas antaŭ kongresejo).

Pr ĉagrenas pro la mankoj en Oslo-protokolo, kie menciiĝis la FIRAC-kongreso (SF, 1979), sed ne tiu de IFEF (Turku, SF, 1979) = insulto! Narvala esploros en la finna FISAIC-estraro.

De Sutter: El la 25jara jubile-libro de FISAIC montriĝas, ke nur IFEF okazigis 25 kongresojn dum 25 jaroj.

10.3. Radio-amatoroj

Robiolle ĝojas pro la sendstacio en kongresejo kaj la ŝajne pliboniĝantaj interrilatoj inter FIRAC kaj IFEF.

SK aŭdis ion pri malpermeso de uzo de Esperanto en I, sed Eigenbrod feliĉe povas trankviligi. Tiel ne estas.

10.4. Eŭropa Fervojista Asocio (AEC)

AEC estas plej forta en I. Uzas 4 laborlingvojn. En D, I kaj A e-istoj ludas rolojn. Ili bezonas helpon de F kaj B. En B tamen De Sutter agas.

11. Resumo pri situacio en diversaj landoj.

En Grekio Pr klopodis antaŭ 2 jaroj, sed rezultoj mankas, ĉar ĉefe nur ekzistas la nodo Ateno, kie ne estas ĝis nun sufiĉe da intereso.

BG: Sufiĉe granda grupo nun agas. Eldonas fervojistan bultenon.

CS: Neklara estas la situacio, ĉar Ĉeĥa Esperanto Asicio estas organizita sub ĉeĥa kulturministerio kaj ne povas agi en Slovakio. La ĉeĥoslavaka l.a. de IFEF estas organizita sub transportministerio (= tutŝtata). Tre malfacile solvebla situacio.

PL: La unusola vivsigno - krom la saluttelegramo de Bydgosczc - estas la kotizpago.

P: Fiasko ĝis nun. Hispanoj klopodas helpi.

R: Ne ekzistas l.a., sed la

kolegoj ekzistas.

GDR: Io okazas kadre de la germana kulturligo.

12. Kongresproponoj

"La IFEF-estraro proponas: Por pli interesigi la informadon pri gravaj novaĵoj en nia fervojista movado la komitato komisiu personon por kolekti kaj disdoni tiujn informojn de kaj al eksteraj kaj internaj instancoj.

Por la venontaj du jaroj la estraro proponas komisii pri tiu tasko s-ron van Leeuwen el Nederlando."

Pr klarigas, ke la "informa fako" je unu flanko kolektu informojn kaj je alia donu informojn = kvazaŭ gazetara servo.

v Leeuwen akceptas la komision, kvankam li ne scias, en kiun direkton iros la afero. Li bezonas kunlaborantojn kaj sendos cirkuleron al la sekretarioj de la l.a.

Elsbeth Bormann (prez de Germana Esp-Asocio) pretas doni konsilojn kaj sugestojn al la komisiito.

Thuesen sugestas, ke FK kaj Informa Fako eventuale havu la samajn kunlaborantojn.

La propono estas akceptita per 22 voĉoj.

13. Budĝeto 1982 kaj kotizkonfirmo.

Kotizo restas la sama en 1982.

Akceptita de ĉiuj ĉeestantaj k-anoj (16).

14. Elekto de revizoroj

Laŭ propono de DEFA jenaj elektiĝis: Knud Fisker, Frede Jensen, Anders Klausen kiel revizoroj, Robert Mikkelsen kiel vicrevizoro.

Akceptita de ĉiuj ĉeestantaj k-anoj (21).

15. Venontaj kongresoj

15.1. (Jam traktita en la unua parto).

15.2. Elekto de lando por 1983

De Sutter invitas la 35an al Belgio laŭ peto de la belga FISAIC-sekcio kaj kun ties morala kaj financa apogo.

Akceptita per 22 voĉoj.

15.3. Diskutado pri postaj ebloj

Mirkovic: JAFE volonte aranĝos en 1984 aŭ 1985 en Sarajevo.

Marinov: BG konfirmas sian pretecon en 1984 kaj komencis preparojn en Burgas. Prezoj tre favoraj en majo.

16. Internacia Skisemajno 1982

Mirkovic raportas pri 102 partoprenantoj el 9 landoj en Bohinj 1981.

Gérard Horn invitas la 23an IFES-on (Skisemajnon) 27/2-6/3 1982 en Morcine (F). Maksimume 80 oni allasos, tial ne estas turisma afero kaj

nur e-parolantoj kaj seriozaj komencantoj estos akceptataj.

Akceptita per 22 voĉoj.

17. Libera diskutado

Tuŝiĝis temoj kiaj: alteco de kongreskotizo, Esp en horaroj, duminaŭguraj salutoj, regularo de IFES, samtempeco de kongresaj programeroj.

Fino de la plenkunsido.

Protokolis: E Henning Olsen

# EKSTRAKTOJ EL SALUTVORTOJ

kiujn diris honoraj gastoj dum la inaŭguro de la 33a IFEF-kongreso en Regensburg

D-ro E. Schlesser, ĝenerala prezidanto de FISAIC:

La solidareco, kiu en tiel modela maniero deĵore unuigas la fervojistojn de ĉiuj lingvoj, ankaŭ retroviĝas en la libertempa okupiĝo. Sed kio aparte ĝenas, estas ĝuste tiuj multnombraj lingvoj. Kaj vere estas bedaŭrinde, ke oni ankoraŭ ne povis interkonsenti pri la enkonduko de Esperanto kiel unusolan lingvon.

Dipl.-inĝ. H. Weigelt, prezidanto de la Federacia Fervojo-direkcio Nürnberg:

Al mi, kiu ofte devas saluti fervojistojn en konferencoj, ankoraŭ neniam okazis, ke mi rajtas bonvenigi kvincent gekunlaborantojn el tuta Eŭropo. Kaj kio estas tiom esenca en tiu afero: ke mi alparolas vin en unu sola lingvo, kiun vi ĉiuj komprenas. Mi devas konfesi, ke tiu ĉi fakto aparte impresas min .... Vi ekkonis gravegan taskon de la nuntempo, nome helpi malkonstrui la sennombrajn malakordojn inter la homoj. Vi kreas komunikojn trans ĉiujn limojn, sen ke la baro "lingvo" povus haltigi vin. Vi ne nur parolas pri amikeco, vi praktikas ĝin. Mi konvinkiĝis, ke vi elektis la ĝustan vojon. Via kongreso pruvas tion. Daŭrigu tiamaniere! Ne senkuraĝiĝu!

S-ro Viehbacher, ĉefurbestro de Regensburg:

La klopodoj, disvastigi la supernacian lingvon Esperanto, baziĝas sur la volo, komprenigi sin kun anoj de aliaj popoloj kaj amikece interrilati kun ili. Estas la provo, malkonstrui lingvajn barojn, kiuj kutime estas la plej esencaj malhelpoj por la rilatoj al aliaj popoloj.

Sekcio-prezidanto F. Knop, por la ĉefestraro de la Sociala Organizo (BSW):

Ĉiam denove en ĉiuj eraoj konkerantoj provis, perforte kaj ĝenerale altrudi unu lingvon, nome la sian. Sed, karaj gastoj, tion ni ne ŝatas. Pli ĝentile, pli pace - tamen ankaŭ

pli malrapide - la esperantistoj provas atingi la saman celon per konvinkado.

S-ro A. Summer,
prezidanto de l'distriksestraro Nürnberg en la Sociala Organizo (BSW):

Oni diras: "Moroj kaj lingvoj disigas la popolojn, reloj kaj stratoj ilin interligas." Mi opinias, ke mi parolas en la senco de doktoro Zamenhof, kiam mi formulas tiun sentencon jene: "Moroj kaj naciaj lingvoj disigas la popolojn, reloj, stratoj kaj Esperanto ilin interligas".

S-ro E. Haar,
prezidanto de l'Sindikato de la Fervojistoj de Germanio (GdED):

La angla probable estas la lingvo plej disvastigita en la mondo. Sed ĉar tre multaj homoj konsideras ĝin heredaĵo el la kolonia tempo, ni pli bone elektu lingvon, kiu nek privilegias nek malfavorigas iun ajn nacion. Kaj por tio Esperanto sin ofertas en vere ideala maniero. Internacia lingvo kiel Esperanto nepre devas esti neŭtrala, ĉar nur tiam ĝi ankaŭ estas universala. Neniu alia ol ĝuste la fervojistoj ĉie en la mondo plej rapide kaj klare ekkonis tiujn koneksojn .... Tamen la Esperanto-movado ankoraŭ ne fariĝis memkomprenebla. Pacience ni devos kalkuli pri longa vojo, kiu estos pavimita per kontraŭstaroj kaj antaŭjuĝoj. Spite al tiuj antaŭsignoj ni devas daŭrigi la komencitan vojon per optimismo kaj persistemo, same kiel la kreinto de tiu lingvo neŝancele ĝin iris dum sia tuta vivo.

S-ro L Betzmeir,
prezidanto de L'Sindikato de Germanaj Fervojaj Oficistoj kaj Aspirantoj (GDBA):

Mia tuta estimo apartenas al tiuj fervojistoj, kiuj submetas sin al la peno lerni Esperanton, la lingvo de la espero.

S-ro A. Zehnder,
prezidanto de l'Sindikato de Germanaj Lokomotivestroj kaj Aspirantoj (GDL):

Ne laste ni kiel lokomotivestroj kun aparta danko registris, kiam la fervojistaj esperantistoj antaŭ kelkaj jaroj helpe de la lingvo Esperanto en la tuta mondo esploris la labor- kaj deĵorcirkonstancojn de la lokomotivestroj. Ĝuste ĉi-rilate montriĝas, kia valora informfonto la lingvo Esperanto povas esti kaj kian admirindan rolon en ĉiuspeca perado la esperantistoj kapablas ludi.

---

KOTIZPAGADO

Mi atentigas la landajn kasistojn pri la informoj, kiujn mi donis dum la kongreso rilate la bankkostojn por pagado pere de bankoj. De multaj eŭropaj landoj eblas ĝiri pere de la poŝtĉeksistemo laŭ pli malaltaj kostoj aŭ tute senkoste.

La poŝtĉekkonto de IFEF estas:
1 25 80 36, IFEF, Tolne station, DK 9891 Tolne.

La kasisto

# KONGRESO KAJ HARMONIO

Kiam la kongresanoj rehejmiĝas, akompanas ilin iuj impresoj, diversaj laŭ la ĵus travivita semajno.

Post la 33a kongreso unu vorto tuj venas por esprimi tiun senton: Harmonio.

Kial?

Unue, la kadro mem de tiu kongreso estis admirinda, kaj ne eblus per kelkaj linioj priskribi Regensburg kaj ĝian historion; pensu... ĉiu paŝo alportis la spektaklon de tiuj multflankaj aspektoj, de la roma epoko ĝis la baroka stilo, de la impona katedralo ĝis la plej kaŝita korto ...

Kaj, se la monumentoj mirigis nin, ankaŭ plaĉis la trankvila, la provinca vivo de tiu urbo, kie oni ŝajnas vivi feliĉe kaj ... harmonie.

En tia kadro niaj GEFA-kolegoj starigis bonegan organizadon:

- kongresejo praktika kaj agrabla; hoteloj ĝenerale proksimaj de la centro por plifaciligi la iradon kaj la promenadon tra la ĉarmaj stratetoj.

La programo alportis kromajn belajn travivaĵojn, kiel ekzemple:

- la blua grupeto de la fervojistoj en uniformoj kun ĉarmaj virinoj meze ...
- la akcepto ĉe la urbestro en tiu 17a jarcenta salonego de la urbdomo, tiu vera juvelo.

Sed, pura harmonio elfluis vere el la ofta muziko, kaj, tiurilate, neniu ĉeestinto forgesos la koncerton en la preĝejo St. Emmeram: la pentraĵoj kaj la skulptaĵoj de la interno, la pureco de la instrumentoj kaj de la voĉoj ...

Tiom da harmonio ravis nin, kaj dimanĉe en la katedralo ni ree atingis la ĉielon aŭskultante la "katedralajn paserojn", knabĥoron de Regensburg.
Muziko, kantoj ankaŭ dum la folklora festo, la "regensburga bukedo", dum la balo, kaj fine la klasika muziko dum la inaŭgura kunsido ...

Kaj la pejzaĝoj de Bavario?

Same, tiuj pejzaĝoj nek monotonaj, nek severaj, kun arbaroj alportis pacigan etoson. Tamen, la Walhalla, tiu grek-stila monumento kaj la malnova kastelo de Falkenstein estis kiel gravaj notoj en tiu melodio, verŝajne ankaŭ pro la pluvo ...

Eble, tiu ĝenerala harmonio havis influon sur la partoprenantoj. Mi notis, ke ĉiuj oficialuloj uzis - preskaŭ perfekte - nian komunan lingvon por saluti la kongreson; eĉ la kongresanoj mem "krokodilis" iom malpli ol kutime ... miraklo ..., fine, la debatoj estis ... mildaj: ne tro da kritikoj kaj, male, aperis hela espero kaj nova horizonto: tion ni ŝuldas al la paroloj de s-ro Maertens. Tiu altnivela alvoko estu por ni helpo al progreso kaj disvol-

viĝo; la prezidanto de UEA instigis nin malfermi nian movadon al la ekstera mondo.

Krome ni menciu, kiel brila espero, la kontaktojn kun la radio-amatoroj, la progreson de nia movado en Bulgario, la promeson de la 34a kongreso ĉe la Balaton-lago ...

Riĉenhava kongreso, eĉ magia, dank'al Trixini, en la bavara Regensburg, kun 515 partoprenantoj el 18 landoj, kiuj ĝuis tiun sukcesplenan harmonion inter la kongres-aranĝoj kaj la lando, kiu gastigis ĝin.

Ŝajnas vere ke la organizintoj de la 33a atingis la ĝustan punkton, kie la kutimaj kritikoj ne plu multe valoras.

La red.



La urbestro de Regensburg akceptas la kongreson.

NORVEGIO (NEFA) Sendu kontribuon al "Fervojista Paĝo"!

Ekde la jaro 1967 NEFA disponas paĝon en "Norvega Esperantisto" por "Fervojista Paĝo", kiun mi ekde tiam redaktas.

Pere de artikoloj de IFEF-anoj, pere de artikoloj, kiujn mi tradukis, ĉefe de la faka sindikata gazeto "Jernbanemanden" (La Fervojisto) kaj de la faka gazeto de Norges Statsbaner (Norvega Ŝtata Fervojo) "Vårt Yrke" (Nia Metio) kaj pere de artikoloj en gazetoj de IFEF-sekcioj, estas havigata sufiĉe da kontribuo por "Fervojista Paĝo".

Kompreneble mi - kaj certe ankaŭ la multaj abonantoj de "Norvega Esperantisto" en krom Norvegio, 31 landoj en ĉiuj mondanguloj - deziras, ke ankaŭ estonte ĝi regule aperos kun espereble sufiĉe interesa enhavo.

Do, pro tio mi dissendas ĉi tiun admonon. Se vi havos okazon sendi al mi kontribuon, mi estos tre dankema. Ĝi devas temi pri iu ajn koncerne la fervojon - okazintaĵojn dum fervojvojaĝoj - volonte ankaŭ amuzaj, pri fervojoj, fervojmuzeoj, veteranfervojoj ktp. Mi nur devas havi la rajton mallongigi se necesas, sed kompreneble mi estas dankema ankaŭ por notaĵoj kaj mallongaj artikoloj.

Kun espero pri multnombra alsendado de kontribuoj, mi kolege kaj samideane salutas.

Odd Kolbrek,
Kaldbakkstubben 22,
Oslo 9, Norvegio.

# RESUMO KAJ KOMENTARIO

pri la jarraportoj de la landaj asocioj

1980

IFEF nun havas 19 landajn asociojn. Antaŭ la 2oa de marto alvenis raportoj de 12 landoj. Mankis raportoj de Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Hungario, Jugoslavio, Pollando kaj Svedio. Post skribaj admonoj mi ricevis la raportojn de 6 landaj asocioj kaj la 25an de aprilo mankis raporto nur de nia landa asocio en Pollando.

Tiu-ĉi resumo baziĝas sur la jarraportoj de entute 18 landoj.

---------------

21. Landaj estraroj, funkciuloj kaj membraro.

La nomoj kaj la adresoj de la funkciuloj aperos en aparta listo. La totala nombro de membroj de la landaj asocioj estas pli ol la duobla de la membronombro de IFEF. La kaŭzo estas ke kelkaj landaj asocioj havas subtenantajn membrojn kaj aliajn membrojn por kiuj ili ne pagas kotizon al IFEF. Por la landoj en Orienta Eŭropo limigitaj eblecoj transsendi kotizojn ofte limigas la nombron de IFEF-anoj.

22. Eldono de ia landa organo.

La landaj asocioj en Danlando, Francio kaj Nederlando aperigas proprajn gazetojn ĉiumonatajn (11-12 foje pojare). En Aŭstrio, Belgio, FRGermanio, Italio, Japanio, Jugoslavio, Svedio kaj Svislando la organoj aŭ cirkuleroj de la landaj asocioj aperas 3-6 foje. Niaj landaj asocioj en Hispanio kaj Norvegio havas regule spacon en la organoj de la ĝeneralaj landaj Esperanto-asocioj. Britio kaj Bulgario raportas, ke ili klopodas ekde 1981 eldoni proprajn organojn aŭ minimume cirkulerojn, kiuj aperos 3-4 foje pojare.

23. Rilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj

23.1. La plej granda parto de la landaj asocioj raportas pri bonaj rilatoj al la fervojaj instancoj, Nederlando kaj Norvegio eĉ pri bonegaj. En Belgio, Danlando kaj Francio la rilatoj grandparte okazas pere de la landaj FISAIC-sekcioj. Bulgario, Finnlando kaj Japanio nenion indikas pri la rilatoj.

23.2. Plej bonaj rilatoj inter niaj landaj asocioj kaj la sindikatoj ŝajnas ekzisti en FR-Germanio, Hungario kaj Norvegio, kie la sindikatoj morale, praktike kaj ekonomie subtenas nian agadon. Danlando, Francio, Hispanio, Japanio kaj Nederlando raportas, ke kontaktoj ne ekzistas aŭ estas maloftaj. En la ceteraj landoj rilatoj ekzistas kaj estas ĝenerale bonaj.

23.3. En ĉiuj landoj, kie ekzistas FISAIC-organizaĵoj la rilatoj estas kontentigaj. Reprezentantoj de niaj landaj asocioj ofte havas gvidajn oficojn en la FISAIC-sekcioj.

23.4. Rektaj rilatoj al aliaj

fervojistaj organizaĵoj ne multloke ekzistas. Plej ofte la landaj FISAIC-sekcioj aŭ en orienteŭropaj landoj la sindikatoj prizorgas tiajn kontaktojn. En Francio kaj FRGermanio ekzistas fruktedona kunlaboro inter niaj landaj asocioj kaj la organizaĵoj de fervojistaj radioamatoroj.

23.5. Bulgario, Ĉeĥoslovakio kaj Danlando priparolas bonajn rilatojn kun turismaj organizaĵoj kaj Hungario kun junulara asocio kaj la packonsilantaro.

24. Kunlaboro/rilatoj kun aliaj Esperanto-organizaĵoj.

24.1. En ĉiuj landoj escepte de Japanio kaj Nederlando ekzistas bonaj rilatoj kun la landaj asocioj de UEA. En multaj landoj la kunlaboro estas sufiĉe intima, i.a. en Danlando la jarkunvenoj aranĝiĝas kune.

24.2. Niaj landaj asocioj en Norvegio kaj Svislando estas membroj de SAT. Krome ekzistas bonaj rilatoj en Britio, Danlando, Francio, Hispanio, Italio kaj Svedio.

24.3. Ĉiuj landaj asocioj escepte de tiuj en Ĉeĥoslovakio, Finnlando, FRGermanio kaj Italio mencias kunlaboron kun aliaj organizaĵoj.

25. Informado en plej vasta senco

25.2.0. Publikigo de gazetartikoloj.

Nur Finnlando, Hispanio, Japanio, Svedio kaj Svislando respondas negative. Plej multe artikoloj verŝajne aperis en la gazetaro de Danlando, Francio, FRGermanio, Hungario, Jugoslavio kaj Nederlando.

25.2.01. Aplikado de la gazetara servo

En 11 landoj la kongresbultenoj de la gazetara servo estis uzataj por verki artikolojn, prelegojn kaj raportojn.

25.2.02. Rimarkoj pri la gazetara servo

5 landoj ne respondas kaj 6 aliaj ne havas rimarkojn. Aŭstrio, Francio, FRGermanio, Nederlando kaj Norvegio esprimas kontenton. Danlando kaj Jugoslavio deziras, ke la bultenoj estu iom pli ampleksaj.

25.2.1. Publikigo de la faka prelego

La kompletan tekston publikis nur IF kaj nacilingva nederlanda fervojrevuo. Resumoj aperis en Esperanto-revuoj en 5 landoj kaj nacilingve en fervojistaj revuoj en 4 landoj. Mencioj aperis en unu Esperanto-revuo kaj en fervojistaj revuoj en 2 landoj.

25.2.1.1. Aliaj fakprelegoj

Aliaj fakprelegoj okazis en Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danlando, FRGermanio, Hungario, Italio kaj Norvegio.

25.2.2. Agadraporto al fervojaj instancoj kaj sindikatoj

Britio, Bulgario, Finnlando kaj Japanio raportas nek al fervojaj instancoj nek al la sindikatoj. La aliaj landaj asocioj raportas al la fervojoj rekte aŭ pere de la FISAIC-sekcioj.

5 landoj informas aŭ raportas al la sindikatoj.

25.2.3 Informado en la deĵorejoj

Tia informado ne okazas grandskale. Per bultenoj informas la asocioj en Aŭstrio, Danlando kaj Francio. Ankaŭ en Bulgario, FRGermanio, Hispanio, Hungario kaj Svislando oni diversmaniere utiligas la deĵorejojn por informaj celoj.

25.2.4. Informoj pere de televido aŭ radio

Radioinformoj pri la agado de niaj landaj asocioj okazis en Aŭstrio, Britio, Danlando, Hungario, Jugoslavio kaj Nederlando.

25.3. Ekspozicioj

Pri ekspozicioj en totale 21 lokoj raportas Britio, Bulgario, Danlando, Francio, FRGermanio, Hispanio, Hungario, Jugoslavio, Svedio kaj Svislando. La intereso ĝenerale estis bona kaj kelkloke estis eble poste aranĝi kursojn.

25.4. Distribuado de varbiloj

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj grandkvante distribuis diversformatajn informilojn. Speciale aktivaj estis niaj asocioj en Francio kaj FRGermanio, sed ankaŭ aliaj tre aktive agis. Entute niaj landaj asocioj distribuis minimume 20.000 da broŝuroj, flugfolioj ktp.

25.5. Jarkunvenoj

Ĉiuj landaj asocioj raportas pri siaj jarkunvenoj. Ili ofte aranĝiĝis en kunlaboro kun aliaj landaj asocioj aŭ kun aliaj Esperanto-organizaĵoj. La nombro de partoprenantoj variis inter 7 kaj 130. En preskaŭ ĉiuj partoprenis eksterlandaj gastoj.

La programoj parte estis tre ampleksaj kaj altnivelaj kun i.a. prelegoj kaj ekskursoj.

26. Junularo

Hispanio kaj Hungario raportas ke kelkaj junuloj membriĝis, sed la nombro ne estas sufiĉe granda por fondi proprajn junulsekciojn. En Aŭstrio okazis kurso por junuloj kaj 2 el la lernantoj intencas partopreni la kongreson en Regensburg.

27. Varbado

Vigla varbado okazis pere de skribaj varbiloj. Vidu punkton 25.4. Ankaŭ varbado en aliaj formoj okazis pli aŭ malpli sisteme en preskaŭ ĉiuj landoj, sed neniu el niaj asocioj raportas pri vere signifaj sukcesoj.

28. Terminara laboro

Laŭ la raportoj Belgio, Britio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Francio, FRGermanio, Hispanio, Hungario, Nederlando, Svedio kaj Svislando regule partoprenis la laboron pri la UIC-leksikono. La progreso de la laboro ŝajnas esti tre kontentiga.

La interkongresa terminara kunveno okazis en marto en Linz. Aperis la numeroj 20-26 de la "Terminara Kuriero".

Neniu asocio raportis pri laboro koncerne terminaretojn aŭ konvenciojn.

## 101. Diversaĵoj

La raportoj mencias longan vicon da variaj aktivecoj. Mi povas eltiri nur kelkajn.

Aŭstrio aranĝis Esperanto-seminarion en kunlaboro kun la sindikatoj kaj Kultura Unuiĝo de aŭstriaj Fervojistoj.

Ĉeĥoslovakio raportas pri reapero de Esperanto-klarigoj en la fervoja horaro, pri fondo de propra sekcio por Slovakio kaj pri traduko de la parolo de historia filmo pri la ĉeĥoslovakaj fervojoj al Esperanto.

Hungario preparas la aranĝon de la 34a IFEF-kongreso, aranĝis Esperanto-kursojn en la fervoja altlernejo, organizis 21 bazajn kursojn kun pli ol 300 partoprenantoj, aranĝis vizitojn por eksterlandaj grupoj kaj havas 8 fakgrupojn kun propraj bibliotekoj.

Italio mencias, ke la interparlamenta grupo "Amikoj de Esperanto" nun havas pli ol 100 membrojn, kaj ke la historio de la fakgrupo "Esperanto" estas pritraktita en historio eldonita de Dopolavoro Ferroviario.

Jugoslavio sukcese aranĝis la internacian skisemajnon en Bohinj 7-14.2.1981.

Nederlando aranĝis kursojn en diversaj lokoj.

Norvegio sukcesis aperigi Esperanto-klarigojn en la tutlanda horaro kaj pligrandigis sian asocian bibliotekon al pli ol 200 volumoj.

Svedio aranĝis la nordian renkontiĝon por 1980 kaj organizis kun bona sukceso tritagan kurson en la fervojista libertemphotelo en Fredensborg.

Bergen, la 5an de majo 1981

Per Engen



Kongresa inaŭguro

# ANONCETOJ

## Internacia Ferio-Semajno 1981

8.-15. aŭgusto 1981 en Luzern (Svislando)

---

**Atentu samideanoj ! !**

**La urbo München, FRGermanio, eldonis antaŭ 4 jaroj urboprospekton en Esperanto. Nun la stoko preskaŭ elĉerpiĝis.**

**Vi multe helpus nin, se vi skribe postulus, ĉe urba trafikoficejo München, la Esperanto-prospekton. Tiel ni pli facile povos** instigi la eldonon de nova prospekto.

Dankas al vi la esperantistoj en München

---

RAPORTO DE LA HISTORIO-KOMISIONO
estas pro manko de spaco prokrastita ĝis la venonta numero.

---

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



---

**La redaktofino por la venonta IF estas 15.7.81.**

---

**Preso: Esperanto-Centro Aarhus, DK-8000 Århus C**

---

